# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública




n-ro 323. Novbro-Decembro 1995




BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

Hispana Esperanto-Federacio

Rodríguez San Pedro 13-3°-7
ES-28015 MADRID
Tel. + faksilo: +34-(9)1-446-80-79



*Kovrilo:* 54a HEF-Kongreso (Salou)

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# 54a HEF-Kongreso



Kiel programite, la ĉi-jara HEF-Kongreso okazis en Salou (Tarragona) ĉe la Mediteranea strando, de la 9a ĝis la 12a de Novembro, interplekte kun la 3a Internacia Kultura kaj Turisma Esperanto-Semajno. Ambaŭ, ŝultron ĉe ŝultro, frate kuniris sub la hela ĉiellumo, la rumoro de l' maro kaj la fiera profilo de hieratikaj palmoj en la turisma kataluna urbo...

En tiu medio kaj sen tempo por plani ambician kongreson laŭ iama pompa modelo, la Kongreso disvolviĝis ene de certa etoso improviza kaj spektema, kiu donis al ĝi karakteron freŝan kaj renovigan laŭe al niaj bezonoj. Se nia antaŭa kongreso estis en Malago tiu de la *Laboro* kaj *Efiko*, ni povas ĉi tiun nomi Kongreso de la *Firma Espero*, ĉar inter la ombroj de nia strebado aperas unuafoje scintiloj de optimismo kaj fido en nia morgaŭo: ja kelkaj el niaj plej karaj projektoj vidiĝas nun realigeblaj kaj en certaj kazoj eĉ tre proksime: la somerkursoj en la Universitato de Santiago en 1996; la eldono de docenta materialo kun serioza didaktika konsisto; la aranĝo de korespondaj esperantokursoj je nacia nivelo perfekte planitaj; la revigligo de «Fundación Esperanto» per solidaj bazoj kaj beletraj projektoj ĉe nia mano; la eldono de esperantaj verkoj kun plej varia temaro, kun aspekto, kvalito kaj prezo malfacile supereblaj en la normala libromerkato; revigligo de la grupoj, institucia financa helpo, komprenemo, paŝoj antaŭen...

Sen plia aldono al tiu rapida rigardo, kiun ni sendube povus plilongigi, (ja mi ne volas doni falsan impreson ke ĉio estas farita), mi nur volas doni pli solidan esperon al niaj samideanoj ĉar ni ne haltas en nia laborado. Antaŭ ol eniri en miajn kongreskomentojn, mi deziras esprimi la plej sinceran dankon nome de HEF, al homoj kiuj tiom devis strebadi por ke la Kongreso okazu kaj sukcesu: OKK sub gvidado de samideano Josep Mª Galofré, HEF-estraro gvidata de s-ro Antonio Alonso kaj al multaj aliaj esperantistoj, kiuj per iniciatoj kaj proponoj efike kontribuis realigi kaj plibonigi ĝin. Tutkoran dankon al ĉiuj, karaj gesamideanoj!

*A. M. B.*

# KONGRESO DE LA FIRMA ESPERO

Ĉar la kronikon de la 3a Internacia Kultura kaj Turisma Esperanto-Semajno verkos aparte unu el ĝiaj organizantoj, ni komentos nur la HEF-kongreson. Ni do komencas informante pri la disdonado de kongresdokumentoj ĵaŭde matene, en salono de hotelo Belvedere, kie okazis ĉiuj programeroj de la 54a HEF-Kongreso. Sekvis la kutima plaĉa resaluto inter kongresanoj kaj amikoj de plej apartaj loĝlokoj kunvenintaj post pli-malpli longa periodo kaj la interkonatiĝo kun novaj esperantistoj; resume unu el la plej agrablaj kaj simpatiaj momentoj de la kongreso, kvankam tio aperas en tiu ĉi priskribo kiel simpla anekdoto.

Je la 17a h. prelego de s-ano Pascual Font pri la temo «La transa lingvo». La preleganto, per klaraj konceptoj eksplikis, "ke la homaro estas, vole-nevole, antaŭ malfacilaj kaj variaj defioj, tiel ke individuoj kaj popoloj havas profundajn zorgojn kaj dubojn pri sia propra identeco kaj pri la eternaj aspiroj al ĉiuj liberoj. En tiaj kondiĉoj, la malnova devizo de la esperantistoj, *ĉiu uzu sian propran lingvon kaj Esperanto por ĉiuj*, ne akceptiĝis de alta nombro de homoj, kvankam ni ĉiuj bezonas transan lingvon en niaj rilatoj de la nuna socio, devigas ĉiun homon analizi la karakterizojn kiuj devus havi tiun komunan lingvon. Evidentas, ke la etnaj lingvoj tute ne havas tiujn minimumajn aspirojn sopiratajn de ĉiuj por universala lingvo, kiu, niaopinie, devus esti iom pli ol lingvo. El tio naskiĝas la bezono por la esperantistoj konvinki la aktualan homon pri elekto de adekvata transa lingvo, laŭ ni Esperanto, sed ne nur pro facileco aŭ efiko, sed precipe, ĉar gravas ke lingvo komuna utila por nia estonto kunportu homaman mesaĝon kaj universalecan spiriton, kaj ne la etnan singularecon validan nur por la propra kolektivo. Tiu devus esti la transa lingvo".

La ĉeestantaro atente aŭskultis la preleganton kaj varme aplaŭdis lin je la prelegofino.

Tuj post la prelego de samideano Font okazis la prezento de novaj libroj: *Lirikaj perloj de Al-Andalus, Survoje al universala civilizacio, Esperanto. Curso del idioma internacional, Perloj de l' saĝo*, k.a. Ni tute ne komentas tiujn prezentojn ĉar apartaj rezencoj en nia propra revuo konsilas nin ne aldoni pliajn eksplikojn al tiuj sufiĉe detalaj aperintaj aliloke. Tamen ni tuj esprimu la ĝeneralan kontenton de la ĉeestantaro pro la bela aspekto de la

novaj libroj, kiuj sendube impulsis niajn samideanojn ilin aĉeti en tute kontentiga kvanto.

Vendredo matene komenciĝis per laborkunsido de la estraro kaj gvidantoj de esperantaj grupoj. Poste prelegis samideano Luis Serrano Pérez pri la temo *Tolero*, verŝajne kiel kontribuo al la kampanjo pri Toleremo proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj kiel devizo por la jaro 1995. Samideano Serrano emfazis la gravecon de toleremo en la kunvivado de la nuna socio kaj analizis aspektojn plej diversajn pri la temo, de la difino de la koncepto: "kapablo akcepti ideojn kaj opiniojn malsamajn al la niaj" ĝis ĝia pragmata apliko en politiko kaj religio. Li analizis ankaŭ alian aspekton de la toleremo, kiu alportas dubojn al niaj koroj, nome, kiam oni uzas ĝin en pasiva sinteno antaŭ maljustaj leĝoj aŭ faroj, t.e., kiam toleri signifas akcepti maljuston, submetiĝi al alies fanatikismo, kiu fakte kuraĝigas la agresantojn persisti agadi kontraŭ la homaj rajtoj de la individuoj. Ĉu en tiuj kazoj ribelo justas? Ĉu toleremo ne signifas ankaŭ perfidon al justeco? La kontraŭdiroj de la koncepto estas tiel profundaj, ke eĉ post multnombraj demandoj kaj eksplikoj oni ne trovis kontentigajn trafajn respondojn al tiuj duboj...

La ĉeestantaro dankis nian samideanon Serrano temon tiel pripensindan per varma aplaŭdado pro lia strebo.




Posttagmeze, dum multaj kongresanoj ekskursis, aliaj partoprenis en longa laborkunsido. La plej gravaj problemoj de HEF estis detale debatitaj, ne nur de la estraro, sed ankaŭ de multaj el niaj membroj: sugestoj, proponoj, interkonsentoj, projektoj plej diversaj, estis pretigitaj por prezento kaj decido en la ĝenerala asembleo okazonta sabate matene.

Je la deka vespere nia samideano Augusto Casquero regalis nin per prezento de diapozitivoj pri Slovakio. Kiel granda parto el niaj legantoj scias, s-ro Casquero loĝis kun sia familio dum unu jaro en Slovakio, kaj li kaptis la okazon por kolekti en bildoj la plej interesajn viverojn de tiuj Centr-Eŭropaj homoj. Ni dankas nian samideanon pro tiu suka regalo, kiu montras laŭdindan scivolemon de nia bona amiko.

Sabate matene, je la 10a h., la Malfermo de la Kongreso komencis la tiutagan aktivadon. La prezidanto Alonso ekzamenis laŭlonge de brila parolado la problemojn, aspirojn, atingojn kaj esperojn de HEF dum la

pasinta jaro, kaj la programon, projektojn kaj strebojn, kiuj iĝos realo post ne longe, en kelkaj kazoj tuj. Optimisme li menciis ilin unu post alia kun sukaj komentoj, kies resumon vi trovos en speciala kroniko, kiun ni aperigas en privilegia loko de nia revuo.




Je la 11a matene okazis la programero-stelo de la Kongreso: la prelego de nia kamarado Miguel Fernández Martín, pri la temo «Mia lirika ama travivaĵo». La temo premieris en Gdansko ĉi-somere, same kiel aliaj temoj prezentitaj tie premieris unue ĉe ni. Sed tio ne multe gravas. Mi ĉiam diris, ke estas granda intima plezuro aŭskulti nian amikon Miguel, ne nur por scii kion li diras, sed ankaŭ kiel li ĉion diras: liaj vortoj flugas kiel birdoj surprizitaj serĉantaj galaksiojn, kie arto kaj poezio plene regas, kaj ĉiu sono estas plena de vibroj neeksplikeble belaj, kiuj naskas en ni fantaziajn mondojn. La magio kiu regas la magnetajn risortojn de la sentoj kaj la ideoj, estas privilegio de artistoj, kaj Miguel estas unu el la plej elstaraj en Esperantio...

En bele nuancita Esperanto kaj kun sentiva tono li komencis sian prelegon en la soleno de absoluta silento:

«Jen ni kunaj en tiu ĉi bela urbo por paroli pri amo. Mi ne povas paroli pri amo sen senti min invadita de koloroj kaj sonoroj. Ja la amo ĉion tinkturas kaj tintigas. Plej bunte. En gamo ampleksanta de la profunde obskuraj tonoj de la solo ĝis la grandiozaj nuancoj de la feliĉo. Mi ne povas pritrakti la amon sen sperti perturbon. Kiu povas? Ja amo signifas tertremon, kiun la fragila sereno de la homo apenaŭ eltenas. Kaj, tamen jen ni kunaj por pritrakti ĝin. Kia magneta forto! Kiel superba kontraŭdiro! Samkiel liberon, amon oni timas kaj deziras samtempe. Kaj tian paradokson ĉiam travivis paradokse verkistoj mistikaj, romantikaj, ajnaskolaj, antikvaj kaj modernaj. Ĉiuj verkistoj. Ĉar ĉiuj verkistoj parolas pri amo, eĉ kiam ili ne suspektas tion. Eĉ multe pli elokvente —asertindus— en ĉi lastaj okazoj. Ja la vorto *amo* forglitas kiel fiŝo, lokas ĉiun antaŭ aparta realo, elvokas diversajn psikologiajn faktojn. Ĉar amo estas ĉiam alio, plus la ideo, kiun ĉiumomente ni klopodas sugesti per ĝi. Ia vero multnuance radia, kiu tre ofte lasas nin perpleksaj. Ho, ebriiga perplekso! Sed, kion diris la verkistoj, kiam ili specife parolis pri amo? Ni vidu flugrigarde:

—Por Danto la amo movas la sunon kaj la ceterajn stelojn. Sankta Aŭgusteno, kiu sentis sin graviti al Amato kun mistika intenco, skribis la jenon: «La amo estas mia pezo. Al ĝi mi iras, tra kie ajn mi iras». Tia vojado, tamen projekciita sur pli homan dimension, akiras la karakteron de kondamno ĉe Kalocsay, nia *Ahasvero de amo*. Spinozo identigis amon kun ĝojo. Tion spite, ni scias, ke ami signifas ankaŭ suferi. Ke, en loko tre proksima al -neforigebla disde- la amo, ni renkontas la doloron, la senton plej personan el ĉiaj ekzistantaj. Samkiel ni ne posedas lingvaĵon, ĝis ni estas poseditaj de ĝi, ni ne komprenas la doloron, ĝis ni mem iĝas ties rekta objekto. Eĉ pli, nenia doloro identas por ĉiuj aŭ ripetiĝas. Ĉiun novan avataron de la amo ni aliras sensante, ke la mondo sin inaŭguras ree. Kaj ni amas. Ni amas la homojn, la mevojn, la mirtojn, la aĵojn... Eĉ plene konsciaj, ke la amo ja eternas, sed, ve!, nur dum ĝi daŭras. Ke kiam ĝi vanuas, ni tute diferencas. Eĉ plene konsciaj, ke la amdoloroj akumuliĝas. Ke en ĉiu nova doloras ĉiuj antaŭaj doloroj. Male, la feliĉo finiĝas per si mem, ne heredeblas, ne multiplikeblas per la feliĉo alportita de pasintaj amoj aŭ de jam estingitaj sentoj. La antikva hispana *Cancionero*, t.e. *Kanzonaro*, sentencas jene:

| | |
|---|---|
| *Quien alegre no se vido* | Kiu ĝojon ne traspertis, |
| *lejos está de ser triste,* | tiu for el tristo restas, |
| *pues el dolor no consiste* | ĉar sperti doloron estas |
| *sino en llorar la perdido.* | priplori kion ni perdis. |

La hispano Antonio Gala epitetas la amon *intima malamiko* kaj ankaŭ *dukapa aglo*. Alia hispano, la nobelpremiito Vicente Aleixandre, bildigas mondon plenan de universala erotiko. Mondon, kie elementaj kosmaj fortoj —la tero, la maro, la suno— sentas sin kvazaŭ forprenataj de nerezistebla kunfanda impulso, kiu celas la aman unuiĝon de la universo»...

Mankas loko en nia revuo por reprodukti la tutan belan prelegon de Miguel Fernández. Ni tute simple aldonu, je la fino, post la bela prozo kaj la deklamado de pluraj poemoj, li kantis iun el la tradiciaj andaluzaj kantoj kiu barokece elvokas la doloron de maŭra reĝo pro la perdo de Granado, la salono eksplodis pro admira entuziasmo en aplaŭdego. La kanto en la stilo *medias granainas* tekstas jene:

| | |
|---|---|
| *Cuando te perdió el rey moro,* | Falis maŭra reĝ' en ploron, |
| *Granada por ti lloró* | vin perdinte, ho Granado! |
| *lágrimas de sangre y oro:* | Larmis li sangon kaj oron: |
| *«Porqué te he perdido yo,* | «Kial perdis mi en fato |
| *que eras mi mayor tesoro»* | vin, mian plejan trezoron» |

La emocio longe daŭris eĉ post la entuziasma aplaŭdego.

Tuj post la prelego, la kongresanaro okupis vizitourbotrajneton kaj aŭtomobilojn gvidatajn de la urbaj motorciklo-gvardistoj, uniformitaj per la ceremoniaj kostumoj de la grandaj paradoj, iris ĝis strato kontraŭ la maro por inaŭguri ĝin per la nomo «Strato Esperanto». La urbestro mem akceptis nin, kaj malkovrinte la tabulon dediĉis al ni paroladeton, en kiu li anoncis brilan baldaŭan estonton al tiu strato pro nova restrukturo de la urbo post translokiĝo de la fervojo kaj tuj asertis: "al tiu strato same kiel al via movado atendas brila estonton", -diris la urbestro-. La prezidanto Alonso respondis lin per ĝentilaj esprimoj dankante lin pro lia favora sinteno kaj efektiva helpo okaze de tiu ĉi Kongreso. De tiu ĉi tago, Esperanto havas en Hispanio novan straton omaĝe al nia internacia lingvo.

Je la 16a posttagmeze okazis sesio de refleksoterapio gvidata de Miguel Gutiérrez Adúriz. Niaj gesamideanoj lernis kiel mildigi siajn fizikajn dolorojn per tiu tekniko.



Je la 17a, prelego en la hispana lingvo de advokato Juan Antonio Cabezos, el Murcio, pri la temo "Kion ni devas scii pri Fondaĵoj". S-ro Cabezos, estrarano de «Fundación Esperanto de HEF», difinis la celon de Fondaĵoj, komentis la novan leĝaron nun ekfunkciantan kaj proponis certajn projektojn por revigligi la nian per iniciatoj kulturaj, prifinancaj, docentaj, beletraj ktp. Li estis speciale lerta kiam li informis pri la sistemo pretigi testamenton aŭ donacon al Fondaĵo kaj kia estas la parto deprenenda por la ŝtato. La ĉeestantaro tre atente aŭskultis la eksplikojn de s-ro Cabezos pri temo ĝis hodiaŭ apenaŭ konata de nia anaro kaj rektaj demandoj pri konkretaj kazoj svarmis. Interesa dosiero pri la temo estis disdonita.

Je la 18a la estraro kunvenis por doni definitivan formon al la decidoj prezentotaj en la ĝenerala asembleo de HEF la sekvan tagon. La kunsido interrompiĝis por la vespermanĝo, sed post ĝi daŭris ĝis noktaj horoj.

Dimanĉe matene, je la 10a, komenciĝis la Ĝenerala Kunveno de HEF. Unue, oni legis kaj aprobis la protokolajn punktojn: Jarraporton, Konto-Etatojn de Libro-Servo, Centra Oficejo kaj Ĝeneralaj Aferoj, ĉiuj jam oportune aperintaj en *Boletín*. Sekve, la prezidanto Alonso dankis en la nomo de HEF al la katalunaj organizantoj de la Kongreso kaj al la responsuloj de la diversaj HEF-Servoj. Li prezentis kiel unuan celon de nia agado,

dum la venontaj jaroj, la duobligon de la nombro de membroj kaj anoncis kampanjon tiurilate. Unuafoje ni preparas oficialan informon de nia Federacio por la koncerna aŭtoritato kiel Asocio kun Publika Utilo kaj ankaŭ oni starigas kiel devon de la estraro, ne nur prezenti la ĉiujaran buĝeton de niaj financoj, sed la nepra postulo aprobi ĝin dum la kongreso. La prezidanto dediĉis paragrafon al la peto kun politika karaktero de KEA al UEA pri nova lando-strukturo, problemo miaopinie nur solvebla en la kadro de rigora apliko de la demokrata hispana konstitucio kaj la internacia juro, nenio alia estas farebla en unu aŭ alia senco.

La prezidanto ankaŭ informis pri la kampanjo entreprenita en niaj medioj por disvastigi nian aferon inter la deputitoj de la Eŭropa Parlamento kaj instigis nin kunlabori en tiu senco ŝultro ĉe ŝultro kun aliaj Eŭropaj Esperanto-Grupoj. Li petis komprenemon al nia anaro, ĉar malgraŭ lia promeso publikigi konstantan informilon en ĉiuj oficialaj lingvoj de Hispanio, li ne povis tion efektivigi pro absoluta manko de tempo. Ni devas montri per tiu informilo, ke ni ne estas privata klubo por persona hobiado, sed grava parto de la nuntempa kultur-agado tra la tuta mondo kaj tial meritas ĉies aprobon. Li esprimis gratulosenton al tiuj hispanaj esperantistoj kiuj laste publikigis laŭdindajn verkojn originale en Esperanto, kaj ankaŭ al premiitoj en la Belartaj Konkursoj, ĉar ĉiuj kontribuis meti tre alte la nivelon de la esperantista hispana beletro.

Rilate al la HEF-kongreso okazonta venontjare en Murcio, li prezentis al la asembleo nian samideanon Francisco Muñoz Garre, prezidanto de la Esperanto-Grupo de Alquerías, kiu ankaŭ prezidos la OKK-on. La grandaj atingoj de nia samideano Muñoz kiel prezidanto de sia loka Esperanto-Grupo estas tiel gravaj, ke tio estas ja garantio certa pri la sukceso de la Murcia kongreso. Unuafoje la kongreso ne estos ekskluziva nur por kongresanoj, sed aperta al la partopreno de la ceteraj civitanoj. La kunvenantoj sin sentis agrable surprizitaj kiam ili aŭskultis s-ron Muñoz diri, ke la venonta kongreso jam estas programita laŭ grandaj linioj, ke ĝi estos sukcesa, ne produktos ŝuldojn kaj... ke la aliĝiloj jam estas je la dispono de nia membraro por tiuj kiuj deziras jam aliĝi. Kaj kiel konfirmo de tiuj paroloj li transdonis al ni la koncernan provizoran programon.

En la vico de traktendaj temoj venis tiu pri aprobo al reĝustiĝo de la statuto de «Fundación» post la nova leĝo pri «Fundaciones y Mecenazgos» aperinta en BOE la 24an de novembro de 1994, kiun nia anaro unuanime aprobis. Sen ajna paŭzo oni aliris la temon pri reorganizo de la HEF-estraro laŭ konsento post longa debato en la ĉi-kongresa laborkunsido. Do, konsiderinte la necesan redistribuadon de taskoj en la nova HEF-strukturo, oni decidis ke la estraro konsistos el jenaj personoj:



# HEF-Estraro

Prezidanto: Antonio Alonso Núñez
Vicprezidanto: Josep Mª Galofré Domingo
Sekretario: Manuel Parra Benito
Vicsekretario: Marcos Cruz Martín
Kasisto: José Mª Bernabeu Franco

Voĉdonantoj:

Libro-Servo: Luis Hernández-Rafi Urueña
Boletín: Antonio Marco Botella
Fundación Esperanto: Juan Antonio Cabezos
Direktoro: Augusto Casquero de la Cruz

De nun samideano Casquero okupos la postenon HEF-Direktoro. Lia tasko, krom okupiĝo pri ĝeneralaj aferoj, konsistos en kunordigado de Grupoj, financa helpo por novaj projektoj, organizado de seminarioj, kongresoj, ktp.

La ĝisnuna Kunordiganto, samideano Miguel Gutiérrez Adúriz okupiĝos plenplene pri la malfacila tasko revigligi «Fundación Esperanto», kies Direktoro li estas. Krom tiu reorganizado, li speciale okupiĝos pri la gvidado de E-kursoj je nacia nivelo kunlabore kun Antonio Valén, docentaj programoj, beletraj konkursoj, eldonoj, kaj mil aliaj temoj ĉiuj koncernaj al la kulturo, beletro kaj instruado de aŭ pri la internacia lingvo en nia lando. Kiel plej efika kunlaboranto li ricevos plenan apogon de samideano Juan Azcuénaga Vierna, kiu, pro privataj motivoj kandidatiĝos denove kiel Peranto de UEA en Hispanio kaj pri kies servoj okupiĝos nia Centra Oficejo en Madrido. Ni volas emfazi la gravan signifon, kiun ni donas al la kunlaboro de s-ro Azcuénaga por la revigligo de «Fundación»: li ja akiris grandan sperton oficante kiel UEA-Peranto dum longaj jaroj, kaj tiu spertado estos por nia Asocio nekalkuleble profitodona. Ion similan ni povas diri pri la kunlaboro de s-ro Juan Antonio Cabezos, kies profesio multe helpos teknike por la komuna celo, kaj tion li jam pruvis per la readaptiĝo de la Statuto de Fundación al la nova leĝaro.

Nia ĝisnuna Sekretario, Marcos Cruz, kiu tre efike laboris dum la lastaj jaroj, okupos novan postenon: li helpos la sekretarion kiel vicsekretario. La nova estraro, estis ankaŭ unuanime aprobita.

Venis en la vico la punkto pri kotizoj. Laŭ nia interkonsento dum la Valencia kongreso de 1993, ĝi aŭtomate plialtiĝas laŭ la "*IPC*". Vidu ĉi apude la tabelon por 1996:

## Kotizoj 1996

| | |
|---|---|
| Ordinara membro | 3.300 |
| Emeritoj, junuloj | 2.650 |
| Protekto-membro | 6.600 |
| Kolektivaj membroj (rajtas ricevi 10 ekz.) | 16.500 |
| Dumviva membro | 220.000 |

La plialtigo ĉi-jara estas la sumo de la nuna IPC kaj tiu ne efektivigita de la antaŭa jaro. De la 1a de januaro 1996 ne plu ekzistos la kategorio "Emeritoj, junuloj". Tamen oni respektos tiun specialan kotizon al tiuj kiuj ĝis nun ricevas tiun rabaton, konsiderinte ke tiuj personoj estas viktimoj de speciala tutlanda ekonomia krizo, kiu devigis ilin emeritiĝi en tute malfavoraj kondiĉoj kaj sekve ricevas tre malaltan pension.

Kaj venis la momento liveri la ĉiujaran premion *Klara Silbernik*. S-ino María Ferigle de Serrano legis la koncernan akton kiu proklamas aljuĝon al s-ino Maribel Alonso, el Madrido. Pro neĉeesto, akceptis la premion s-ano Manuel Parra, loĝanta en Madrido, kiu ricevis aplaŭdon honore al la premiita. Laŭdindis la sinteno de la edzo de Maribel, samidenao Juan Carlos Ruiz, kiu, eĉ sciante ke li ne atingos Salou ĝustatempe por ricevi la premion, flugis al la Kongresejo kaj alvenis iomete post la fermo. Li ankoraŭ tagmangis kun ni. Gratulon, amiko Juan Carlos, pro via malavara sinteno!

En la Fermo de la 54a HEF-Kongreso, la prezidanto Alonso dankis al la homoj, kiuj per sia penado ebligis plifirmigi la subtenon kaj progresadon de Esperanto en Hispanio, kaj la kongresanoj kunkantis «La Esperon» kiel signon de fido kaj persisto en la celo. Ĝis la venonta en Murcio!

*La Redakcio*




## Guardamar del Segura, E-Renkontiĝo

La 3an de pasinta Septembro okazis en la pinaro de la bela urbeto Guardamar, apud ĝia bela strando, Renkontiĝo de esperantistoj de la provincoj de Valencio, Alicante, Murcio kaj po unu reprezentanto de Merido kaj Zaragozo.

Antaŭ la tagmanĝo, oni debatis en kunveno la problemon pri difino de kongreso kaj renkontiĝo, ĉar murcianoj kaj valencianoj ofte kunvenantaj uzas la terminojn ne ĉiam klare, kaj tio metas en konfuzon al historiistoj kiam oni devas distingi unu de la alia, tiamaniere ke numeroj de kongresoj aŭ renkontiĝoj ofte ripetiĝas. La konkludojn de tiu debato oni metos je la konsidero de la respektivaj E-societoj por definitive decidi komunan interkonsenton.

Alia punkto de la tagordo estis, kiel revigligi la agadon de la esperantistoj en nia lando, ĉar oni konstatas ke la propagando por nia afero, la instruado de Esperanto je nacia nivelo kaj la interrilato de Grupoj kaj E-societoj apenaŭ aŭ tute ne funkcias. Aŭdinte diversajn opiniojn oni koincidis proponi al HEF, ke speciala estrarano sin okupu pri tiuj taskoj je nacia nivelo, kaj ĉiuj konsentis en la propono, ke estu samideano Aŭgusto Casquero la kandidato prezentota en la proksima Ĝenerala Kunveno okazonta en Salou.

Samideano Cabezos, el Murcio, enfazis la bezonon disvastigi la utilon de nia **Fundación Esperanto** kaj proponis interesajn sugestojn ne nur por revigligi ĝin, sed por efektivigi programon celantan stimuli la gvidantojn de E-Grupoj realigi ambiciajn esperantistajn atingojn. Fine, oni esprimis al la kunvokanto de tiu Renkontiĝo, samideano José M[a] Bernabeu Franco, la omaĝon de ĉiuj kunvenintoj okaze de lia 75-jara datreveno, pri kio ĉiuj kunvenantoj ĝoje tostis.

Kun la vesperiĝo finiĝis tiu ĉiujara Renkontiĝo, kiu sin distingas pro la amikema etoso de la partoprenantoj.

## Al eventualaj tradukantoj

D-ro José Luis Pérez Ovilo informas nian esperantistan kolektivon, ke li tradukis al la hispana lingvo la verkojn *Historio de la Mondolingvo*, de Drezen, kaj *La Danĝera Lingvo*, de Ulrich Lins. Kiam la tradukanto pensos pri eldono li informos niajn

legantojn. La celo de tiu ĉi anonco estas eviti eventualan tradukon de samaj verkoj. Sugestoj: D-ro José Luis Pérez Ovilo; Av. Juan Carlos I, 1.-6° B. 30008—Murcia. (Hispanio)

Pro identa motivo Prof. Jesus de las Heras informas, ke li tradukis al la hispana la verkon de Claude Piron *Le défi des langues: du gâchis au bon sens*. Eventualaj kontaktoj pri la temo adresu al: Jesus de las Heras Jiménez; Av. Juan Carlos I, 24-2 G. E-30008 Murcia. Hispanio.

**46a Kultura Semajnfino de Sarlanda E-Ligo**

Laŭ tradicie, tiu Kultura Semajnfino de Sarlanda Esperanto-Ligo okazos de la 1a ĝis la 3a de decembro 1995 en la Kardinal-Wendel-Domo en Homburgo.

Funkcios:

a) Enkonduka kurso por komencantoj estrota de Silvia Moritz.
b) Parolaj kaj legaj ekzercoj por profundigi la lingvajn konojn, kun Kreŝimir Barkoviĉ el Parizo kiel kursestro.
c) Stilistikaj kaj literaturaj ekzercoj por spertuloj, kun E. Borsboom el Nederlando kiel kursestro.
d) Seminario por spertuloj. Prelegos profesoro d-ro Rokuro Makabe, Frankfurto, pri Vivo kaj verko de prof. S. Kato kun HP Harald Schicke.

Libertempa programo antaŭvidas diversajn interesajn vizitojn. Pli detalajn informojn petu al: Sarlanda Esperanto-Ligo, Postfach 2019. DE-66470 Zweibrücken. Sarlando.

**Ĵus aperis: Pasporta Servo 1995!**

Haveblas en la Esperanta merkato de nun la nova versio de la plej konata bezonaĵo por la vojaĝema Esperantisto: aperis *Pasporta Servo 1995!* En ĝi aperas en 71 landoj pli ol 800 adresoj de gastigantoj kiuj pretas akcepti vojaĝantajn esperanto-parolantojn senpage.

Eblas akiri *Pasportan Servon 1995* diversmaniere:

-Ĉe Landaj Sekcioj de TEJO, kies adresoj aperas en la Jarlibro; Ĉe Landaj Organizantoj de Pasporta Servo, kiuj aperas en la libro mem; Ĉe multaj konataj Libro-Servoj. Se en via regiono ne estas Landa Sekcio de TEJO kaj vi ne povas mendi ĉe iu proksima Libro-Servo, ĉiam eblas mendi rekte ĉe: Universala Esperanto-Asocio; Nieuwe Binnenweg 176, 3015 Bj Rotterdam. Nederlando.

**Vitoria-Gasteiz Esperanto-Kurso**

Kiel en antaŭaj jaroj, Araba Esperanto-Asocio organizas Esperanto-staĝon en la Restadejo Batán de Vitoria-Gasteiz. De la 6a ĝis la 12a de decembro okazos du Esperanto-kursoj, unu por komencantoj kaj alia por progresantoj. La kotizoj inkluzivas la kurson, materialon, restadon kaj ĉiuj manĝoj, kaj la prezoj jenas:

| | | |
|---|---|---|
| Ordinara kotizo | ...... | 10.000 |
| Studentoj kaj senlaboruloj | . | 7.000 |
| Por lito-tukoj aldonu | .. | + 1.000 |

Pliaj informoj kaj aliĝoj: David Sánchez, C/ Pintor Pablo Uranga, 5, 1°, C. 01008 Vitoria-Gasteiz. Telefono: (945) 22 45 50.

**17a datreveno de Llibreria Esperanto, de Barcelono**

En la pasinta septembro la Librovendejo *Esperanto* de Barcelono festis la 17an datrevenon de sia fondiĝo. Okaze de tiu festo oni prezentis la lastan verkon de Giordano Moyá Escayola "Survoje al Universala Civilizacio", eldonita de Barcelona Esperanto-Centro. La aŭtoro, partoprenanta en la festo, amplekse informis la ĉeestantaron pri certaj aspektoj de la libro, speciale tiuj ĉapitroj kiuj elstarigas la esperantisman idearon, kiu certe pozitive influos en la la Universala Civilizacio. Sur la foto, kiun ni ĉi kune publikigas, aperas samideano Salvador Aragay, prezidanto de *Barcelona Esperanto-Centro* kaj mastro de *Llibreria Esperanto*.

**Respondoj premiitaj**

Inter la leteroj ricevitaj en nia Redaktejo responde al la Kvizo proponita de S-ro Golden (Boletín-322), trafis en la Identiga ludo samideanoj José Fco. Martin del Pozo (Malago), kaj Juan Antonio Jiménez (Valencio), ambaŭ ricevos kiel premion Esperantan poem-libron, donacitan de la Esperanta Societo **Frateco** de Zaragozo. Gratulon!




# Esperantaj radiostacioj

Kiel sciate, la gravuloj konscias pri la impona povo de la amaskomunikiloj, tiel, ke ajna solvo de komercaj, politikaj, kulturaj kaj militaj aferoj dependas tute aŭ grandparte de akurata kaj kompleta informado. Ĝuste pro tio, la povuloj kontrolas finance aŭ alimaniere la programadojn de la gazetaro, la radio kaj la televizio.

Esperanto, denaske internacia lingvo, postulas internaciajn rimedojn. Estas certe, ke gravaj gazetoj aperas regule verkitaj en ĉi tiu lingvo. Ankaŭ estas

vero, ke, feliĉe, interesa nombro de neesperantaj radiostacioj elsendas, iuj eĉ ĉiutage, programojn en/pri Esperanto kaj ke, de tempo al tempo, en televizio aperas laŭokaze priEsperantaj intervjuoj kaj E-kursoj. Tio estas bonega kaj subtenenda, tamen nesufiĉa. La Movado bezonas siajn proprajn amaskomunikilojn kaj, per ili, influi ene de la socio, same kiel de antaŭlonge agadas Eklezio kaj Registaroj.

Aliflanke, ĉar gravaj projektoj estas nerealigeblaj en Esperantujo ĝuste pro manko de ŝancoj, estas prave pripensi la starigon kaj funkciadon de E-radiostacioj per kiuj kaŝe/malkaŝe oni disvastigu, krom la lingvo, la E-idearon. Ne necesus, nek taŭgus, uzi ĉiam nian internacian lingvon; ankaŭ ne utilus, ke la vorto *Esperanto* aperu oftege. Tio plej grava estu alkutimigi la aŭskultantaron opinii Esperante, t.e. *esperantigi la socion.*




Finance, E-radiostacio funkciu per la normalaj enspezoj de la amaskomunikiloj, t.e. per la disvastigo de komercaj kaj alispecaj anoncoj. Se la movado disponus kapablajn profesiulojn (ĵurnalistoj, radioparolantoj...) niaj radiostacioj sukcesus. Ne gravas, ke en Hispanio la esperantistoj estas minoritato aŭ ke la angla lingvo estas tre ŝatata de multaj samlandanoj. Ankaŭ la radioĉeno COPE sukcesas finance, malgraŭ ke en nia lando la katolikan kredon ne subtenas multaj hispanoj. Do, kion oni povas fari?

Unue disvastigi opinion favoran al la starigo de almenaŭ unu E-radiostacio en Hispanio. Esperebe, post iom da tempo, aperos reagoj al la projekto. Due, la starto de komisio kiu studu la realajn eblecojn krei kaj funkciigi E-radiostaciojn.

Memvideble, ĝi devos: a) pripensi kiel financi la starigon de la ŝtacio kaj la pagojn al la dungitoj, kaj b) serĉi rimedojn por certigi altan kvaliton al la programado. Bonsorte, en Katalunio kaj Valencio estas grupeto da samideanoj kiuj laboras en la radio. Sendube iliaj opinioj tre helpos aliajn interesitojn.

Pri la impostoj, mi supozas, ke la afero irus glate. La Movado havas en Hispanio du E-Fondaĵojn. Tio estas gravega, ĉar, se ili alprenus la

projekton, multaj problemoj malaperus. Certe, E-Asocioj ne estas entreprenoj, tamen E-Fondaĵoj povas realigi profitdonajn projektojn kondiĉe ke oni subvenciu la Movadon per la mono ricevata.

*Andrés MARTIN*

# KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO

**Ofertoj pri kulturaj, turismaj kaj fakaj aranĝoj en Poprad:**

01) Vintra Esperantista Renkontiĝo en Altaj Tatroj (VERAT-96): De la 15a ĝis 17a de marto 1996, Poprad, 2 tagoj (ekologio, naturprotektado) ĉ/ 20 USD aŭ 30 DEM.
02) Printempa esperantista renkontiĝo en Altaj Tatroj (PERAT-96): De la 3a ĝis la 5a de majo 1996, Poprad, 2 tagoj (naturprotektado, flaŭro) ĉ/ 20 USD aŭ 30 DEM.
03) Venu kaj aĉetu, internacia seminario de komercistoj. De la 7a ĝis la 9a de junio 1996, Poprad, 2 tagoj, 20 USD aŭ 30 DEM.
04) Busekspedicio al Karpatoj de Marmaroŝ- Rumanio: De la 13a ĝis la 16a de junio 1996, Marmaroŝ (Rumanio), 3 tagoj; ĉ/ 75 USD aŭ 110 DEM.
05) 6a Internacia Esperanto-Kongreso, 6a Eŭropa E-Forumo: De la 13a ĝis la 19 de julio 1996. Poprad-Tatry, 6 tagoj. Ĉiuj prezoj indikitaj en aliĝiloj.

Ekzistas diversaj pliaj turismaj kaj kulturaj aranĝoj pri kiuj oni povas informiĝi ĉe: Esperanto-Sobotské Námestie 36. SK-058 01. POPRAD. Slovakio. Telf. +42 +92-32 419.

**Aliaj ofertoj**

Esperantista produktisto de mielo, mielproduktoj kaj pomsuko surmerkatigas siajn varojn kun trilingvaj etikedoj (franca, germana kaj Esperanto).

Ekde oktobro 1995 la elzaca vinkulturisto kaj enologo Philippe Gocker surmerkatigas 10.000 botelojn de la prestiĝa vino Cremant d' Alzace laŭ ĉampanmetodo kun esperanto-etikedo desegnita de Jean Pierre Cancel. Tio signifas, ke tiuj klientoj, kiuj aĉetos tiun vinon, legos tiun etikedon.

**Take-La Domo**

kiel promocianto de esperanto-literaturo kaj aliaj esperanto-produktoj kiel la supre cititaj, partoprenis fine de novembro en la regiona libro-foiro de Colmar (Elzaco) en la kategorio de «dulingvismo» kun bildkartoj, lerno-libroj, faklibretoj, ktp.

Interesitoj povas informiĝi ĉe:
Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj; RN 83- Rue de Tiefenbach. F-68920 Wintzenheim. Francio.


Ĉu vi estas tiel alta kiel mi

# 2 x 1

*Jen la defio!*

## Duobligi la membraron

Por firmigi la ĝisnunajn atingojn
Por daŭre konstrui modernan movadon
Por oferti ĉiam pli multajn kaj pli bonajn servojn

**kUNLABORU EN LA KAMPANJO**

**Anigu novan membron kaj... ricevu donacon**

---




12 numeroj jare. 52 paĝoj ĉiunumere. Informoj pri la E-movado tra la mondo. E-rubrikoj. Aktualaj raportoj kaj artikoloj pri Ĉinio.

Sendu poŝtmandaton al Felix Gómez Martín
c/ Corbeta 8 - 5-A; 28042 Madrid; tel: 91-7472378
aŭ al via kutima peranto

---



**FELIĈAN JARON 1996!**

La prezidanto kaj Estraro de HEF esprimas al ĉiuj plej sinceran bondeziron por la nova jaro. Feliĉon kaj sukceson en via esperanto-agado.



# Ĉu Granda Kometo en 1997?

De antaŭ jarmiloj ĝis niaj tempoj, la observado de la ĉielo regalis la homojn averaĝe po unu brilan kometon jardeke. Tamen en la 20a jarcento malabundis la spektaklaj aperoj de kometoj. La astronomoj tute ĝuste plendas pri tio, ke la protagonistoj de ĉi tiu dramo decidis malaperi precize nun, kiam la scienca arsenalo por la studo de la kometoj estas pli potenca ol iam antaŭe. Niaj avoj havis fortunon, ĉar ili ĝuis en la jaro 1910a spektaklon, kiu ne reokazis de tiam: krom aliaj malpli brila, du estis la grandaj kometoj, kiuj ornamis la ĉielon en tiu jaro. Unu el ili estis la fama Haleja kometo. La alia, la t. n. Granda Tagluma Kometo de 1910 estis tiel brila giganto, ke oni povis ĝin spekti eĉ en taglumo. De tiam, la kometoj ofte vizitis nian ĉielon, kvankam la plej multo el ili estis nebrilaj. Fakte, tre malmultaj posedis sufiĉe da brilo por esti spektakle allogaj por la nuda okulo. En la jaro 1973 la apero de la kometo Kohoutek estis misuzita por anonci, kun pli da bruo ol da faro, la finon de la demokratio en Ĉilio. Tuj poste, en la jaro 1976, la kometo West efikis kontraŭe en Hispanio. En la jaro 1986 la Haleja kometo revenis, sed ĝia tiama preterpaso estis pala kompare kun tiu de ĝia antaŭa apero.

Ĉar la kometoj konsistas esence el frostigita akvo, oni povus diri, ke la situacio venas de grava kosma pluvmanko (surprize, la astrologoj ne intencis uzi tiun fakton por ekspliki la surteran pluvmankon, kiun oni suferas nuntempe en multaj landoj). Kometo de 1811, Granda Kometo de 1843, Granda Kometo de 1861, Granda Kometo de 1881, Granda Kometo de 1882, Granda Tagluma Kometo de 1910... Kiam venos la vico al ni, observantoj de la fino de la 20a jarcento?

En aŭgusto 1995, la astronomoj, specialistoj pri kometoj, rigardas la ĉielon kun maltrankvilo kaj nekredemo. Du usonaj amatoroj trovis kometon inter la orbitoj de Jupitero kaj Saturno. Laŭ la astronomia kutimo, oni donis al la kometo la nomon de la malkovrintoj: Hale-Bopp. Miriga, ĉar ne ofta, estas la fakto, ke tiel malproksima kometo estas observebla pro sia forta brilo per malgrandaj teleskopoj (deka grando). Ju pli la kometo avancas en la internon de la Sunsistemo, des pli ĝia brilo devus kreskadi, ne nur pro la efiko de la Suna radiado, sed ankaŭ pro ĝia pliproksimiĝo al la Tero. La kometo Hale-Bopp vizitos la Sunan kaj Teran ĉirkaŭaĵon en la unuaj monatoj de la jaro 1997. Se ĉio iros glate, prezentiĝos al ni absoluta novaĵo en la ĉielo: tre brila kometo aperanta en la plej bonaj kondiĉoj por observantoj en la norda hemisfero. Iu rapidis kompari la kometon Hale-Bopp kun la Granda Kometo

de 1811, pro ties brilaj kaj orbitaj trajtoj. Ĉu vere tiel estos? Ĉu unuagrada kometo en la vespera ĉielo? Ĉu ĝi estos simila al tiuj iam priskribitaj kaj desegnitaj de niaj praavoj? Ne estas facile kredi tiel grandan fortunon, kaj ĝuste tial la astronomoj mem rekomendas trankvilecon.

Espereble, la publiko jam lernis ne fidi la anoncojn pri grandaj astronomiaj spektakloj. La troa tamtamado rilate al la Haleja kometo en la jaro 1986 kaŭzis poste ĝeneralan senreviĝon pro la febleco de la astro. Simila afero okazis post la anonco de grandega stelpluvo en la somero de la jaro 1993. En la jaro 1994, la kolizio de malgranda kometo kontraŭ Jupitero ricevis la atenton de la amaskomunikiloj, sed por la ĝenerala publiko ne ekzistis observeblaj sekvoj. Kio okazas? Ĉu la scienco ne estas ekzakta? Tute kompreneble, la scienco ne estas ekzakta. Tial, ni akceptu tiajn anoncojn kun absoluta trankvileco, skeptikeco kaj nekredemo. La sola tute certa afero estas, ke nun ni scias kie kaj kiam estos la kometo Hale-Bopp, sed la estonta evoluo de ĝia brilo ankoraŭ estas nekonata. Eblas ja, ke la Hale-Bopp estas simila al la antaŭe menciita kometo Kohoutek. Ankaŭ Kohoutek montris tre fortan brilon trairante inter la orbitoj de Jupitero kaj Saturno, sed verŝajne la kaŭzo estis tempa eksplodo. La brilo de Kohoutek ne multe kreskis, kaj ĝi ne estis spektakla astro, kiam ĝi preterpasis la Sunon kaj la Teron. Ni disponas pli ol unu jaron por observi kiel kondutas la kometo Hale-Bopp. Eble post kelkaj monatoj ni estos certaj pri tio, kio okazos en la jaro 1997.

La kometo Hale-Bopp videblas nun en la ĉiela regiono de Sagitario. En tiu zono ĝi faros kelkajn malrapidajn kapriolojn, kaj post unu jaro ĝi situos norde, en la regiono de Ofiuko kaj Blazono. Fine de la jaro 1996 la kometo trairos la ĉielan ekvatoron kaj ĝia ŝajna movo forte akceliĝos pli norden, laŭ la Lakta Vojo, en la direkto al la konstelacio Cigno. Modere optimismaj antaŭdiroj prognozas, ke en la epoko de maksimuma proksimeco al la Tero (marto 1997), la kometo estos tiel brila, kiel la plej brilaj steloj. Laŭ aliaj kalkuloj, la kometa brilo povus esti simila al tiu de la planedo Venuso. Hale-Bopp plej alproksimiĝos al la Suno komence de aprilo 1997, montrante sin inter la konstelacioj de Kasiopeo kaj Andromedo. De tiam ĝi komencos rapidan distiĝon kaj post kelkaj semajnoj la kometo ne estos videbla. Post la mezo de 1997, Hale-Bopp eble reaperos por la observantoj de la suda hemisfero, sed tute certe ĝia brilo estos malpli intensa ol en februaro-aprilo. Ĉu la preterpaso de Hale-Bopp estos io mirinda aŭ simple nova disreviĝo? La ebla Granda Kometo de 1997 estas bonega preteksto por direkti nian atenton al la kontemplado de la ĉielo, tiu spektaklo fora kaj forgesita, sed samtempe tre facile atingebla. Estu tiel, ke Hale-Bopp ne fraŭdu la publikon pri tio, kion ĝi rajtas havi post tiel longa kosma pluvmanko.

*David GALADI-ENRIQUEZ*

*Depto. de Astronomio kaj Meteorologio de la Barcelona Universitato*

# 4a Mediteranea Konferenco

Laŭ iniciato de LF-Koop la *Kvara Mediteranea Konferenco de Esperantologio* okazis en Triesto (Italio) de la 28a ĝis la 30a de oktobro 1995 kun partopreno de ĉirkaŭ 40 homoj. La ĉeftemon «La nuntempa leksikografio en esperanto» oni pritraktis de diversaj anguloj.

Telegramece kaj kronologie: Carlo Minnaja skizis la historion de la italaj-esperantaj vortaroj kaj priparolis la problemojn -ofte tre subtilajn- kiujn li devis alfronti por sia baldaŭ eldonota *Granda Vortaro Itala-Esperanta* (ĉ. 50.000 kapvortoj); Ilona Koutny same informis pri la peripetioj de la preparata *Granda Vortaro Hungara-Esperanta* (ĉ. 40.000 kapvortoj) kaj amuzigis la ĉeestantojn per kuriozaĵoj de la hungara kaj ties esperantaj transponoj; Sabine Fiedler difinis la lingvistikan koncepton frazeologio (proverboj, parolturnoj, kliŝiĝintaj esprimoj, ktp.) kaj proponis klasifikon surbaze de realaj ekzemploj en libroj, revuoj kaj vortaroj; Detlev Blanke pruvis la aktualecon de la *Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana* (1923-1929) de nia karmemora Wüster kaj ĝoje informis ke nun disponeblas —bedaŭrinde nur mikrofote— ankaŭ la duan parton (Korno Zz) de tia kolosa laboro; Kiril Velkov sukcese ridigis la partoprenantojn per sprita kaj aludoplena prelego pri la esenco kaj estonteco de la fivortaj terminaroj en nia lingvo.

La brila stelo en la Konferenco estis la prelego de Michel Duc Goninaz pri la demando: «Kiel aktualigi PIV-on?». La preleganto tre klare diris ke li kaj lia 31-fakula teamo laboradas ne super ia reverko de PIV, sed pri nura aktualigo, kvankam multaj -kaj ankaŭ li- konscias pri la bezono iam estonte verki tute novan vortaron. En la venonta PIV (kies eldon-daton ne eblas ankoraŭ prognozi) oni korektos la preserarojn, enmetos la 8an Oficialan Aldonon kaj la nunan Suplementon. Kompreneble, aperos ankaŭ necesaj ŝanĝoj, kiaj korekto de nekoheraĵoj, malĝustaj difinoj (ekz. amindumi, arabo, sodomii) kaj eraraj resendoj; aldono/ĝustigo de fakaj terminoj kaj modernigo de ĉiuj eroj rilataj al geografiaj kaj politikaj ŝanĝoj de 1970 ĝis hodiaŭ. Duc Goninaz montriĝis ĉiam tre prudenta -plej bonvena trajto ĉe vortaristo-, aparte pri la tiklaj kaj eble senrespondaj demandoj; ekzemple, pri (ne)forsarko de ne plu uzataj vortoj, majuskligo/minuskligo de monatoj kaj popolano-nomoj aŭ definitiva aspekto de la ilustrita parto. Feliĉe, ŝajnas ke nia estonta PIV troviĝas en bonaj manoj.

*A. Valén*



# Literatura konkurso
de
# Fundación Esperanto

### Verdikto

La 8an de novembro 1995a kunsidis la membroj de la Patronaro, D-ro Victor Ortíz, S-ino Pilar Sancho kaj s-ro Enrique Piquero. La sekretario, s-ro Piquero informis pri la poentoj asignitaj de ĉiu membro de la juĝkomisiono, respektive s-ro Marco Botella, S-ro Miguel Fernández kaj s-ro Miguel Gutiérrez.

La adicio de la respektivaj poentoj donis la premion «Inés Gastón» al la traduko de la novelo “La adiaŭo” (La despedida) de Ignacio Aldecoa, pseŭdonime subskribita de «Malbatavo».

Malferminte la koncernan identigan koverton, la sekretario informis ke la premio (15.000 pesetoj por aĉetado de libroj ĉe la HEF-libroservo) estas aljuĝita al la tradukisto: s-ro **Istavan Ertl** (Hungario)

La patronaro de «Fundación Esperanto» dankas al ĉiuj partoprenintoj pro ilia entuziasma klopodo vivigi esperanton per siaj tradukoj, kaj al la juĝintoj, kiuj unuanime montris sian kontenton pro la ĝenerale alta kvalito de la tradukoj ricevitaj, kiuj postulis penegan laboron por veni al findecido. Certe bona rikolto por estontaj volumoj de la libro-kolekto *Hispana Literaturo*, eldonata de HEF.

Zaragoza, la 8an de novembro de 1995a

Enrique Piquero
Sekretario de «Fundación Esperanto» kaj de la Konkurso



# Vi, ulo!

1. vi HEFanas
2. vi aĝas ĝis 30
3. sur via Boletín-etikedo printatas ne "JM" sed "XM"

Se vi plenumas la tri kondiĉojn, vi baldaŭ maltrafos ion tre interesan, kaj vi pentos eterne, aŭ freneziĝos subite. Vi tamen ankoraŭ havas tempeton kontakti la HEFejon telefone, faksile, poŝte aŭ ŝue kaj informi pri via nomo, naskiĝdato kaj telefonnumero. Ni ne plu avertos vin. Ne ploru poste.

# Koncize pri la Delegita Reto de UEA

*Historio*: la delegitoj estis kvazaŭ movadaj reprezentantoj, kvankam ŝajne plurfoje la Delegita Reto estis uzata kiel adresaro kaj la Delegito kiel honora ofico. *Nuna celo*: pliviglig la agadon de la Delegitoj tiel ke ili estu veraj movadaj aktivuloj. *Faktoj*: UEA decidis ke nun la Delegitoj havu ofican periodon, kiu komenciĝos en 1996. *Sistemo*: la nunaj Delegitoj devis plenumi kaj sendi formularon ĝis la 15a de ĉi-jara novembro. *Rezulto*: malpli ol la duono de la hispanaj delegitoj respondis. Nu, grava parto de la tradiciaj delegitoj forfalos en venontjara eldono de la jarlibro.

*Juan Azcuénaga Vierna*

## JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 1996

**Hispana Esperanto-Federacio**

Ordinara membro (OM) . . . . . . . 3.300
Emerito, Junulo, Senlaborulo . . . . 2.650
Speciala abono (10 ekz). . . . . . . . 16.500
Dumviva Membro . . . . . . . . . . . 220.000
Eksterlandanoj . . . . . . . . . . . . . . 53 gld
Uzu la konton de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966. Oni ne pagas aldonan koston. Eblas transdoni la monon en ajna oficejo de Caja Postal (la Poŝto) en urboj kaj vilaĝoj.

**Universala Esperanto-Asocio**

Membro-abonanto
(jarlibro + revuo) . . . . . . . . . . . 5.300
Abono al revuo Esperanto . . . . . . 3.400
Abono al Kontakto . . . . . . . . . . 2.300
Membro kun jarlibro . . . . . . . . . 2.100
Membro kun gvidlibro . . . . . . . . . . 850

"Monato" . . . . . . . . . . . . . . . . 5.000
La jaro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 750
Juan Azcuénaga Vierna, Gral. Dávila, 127, Portal 7, 2° izq. ES-39007 Santander. Caja Postal, konto n-ro 3548531.

Eventoj (aere 6.600) . . . . . . . . . 5.700
HEF; Rodríguez San Pedro 13-3°-7; ES-28015 Madrid.

"KAE-Informilo" . . . . . . . . . . . . . 800
Kasisto: Santiago Torné Grau. C/Roca, 22, 3°. 1ª; ES-08208 Sabadell.

"La Kancerkliniko" . . . . . . . . . . . . . ?
"Rok-gazet'" . . . . . . . . . . . . . 35 NLG
Nikolao Gil; Poŝtfako 305; ES-24080 León

"Heroldo de Esperanto" . . . . . . . 2.990
Luis Serrano Pérez; Font Nova, 32; 08202 Sabadell.

SAT (baza kotizo) . . . . . . . . . . . 1.600
Jarabono "Sennaciulo" . . . . . . . . 2.400
Abono "Sennacieca Revuo" . . . . . . . 600
Emeritaj membro-abonantoj pagas la duonon de Baza Kotizo. Peranto: Martin Bustín Benito / Apartado de Correos 4143 / 03080 Alicante. Caja Postal n-ro 37-02.614.635.

"Kajeroj el la sudo"
Por SAT-membroj . . . . . . . . . . . . . 800
Hispanaj abonantoj . . . . . . . . . . 1.000
Eksterlandaj abonantoj . . . . . . . . 1.200
Kasisto: José Mª Bernabeu / Gral.Primo de Rivera, 8; 03360 Callosa de Segura.
Uzu la konton de HALE ĉe Caja Postal.

Ĉiuj prezoj estas en pesetoj



**Unueco estas Forto**

AKTIVU EN LA KAMPANJO
**Anigu plian membron**

# Ŝtorma vivo
## Lope de Vega (1562-1635)



Félix Lope de Vega y Carpio naskiĝis en Madrido. Ankoraŭ tre juna, li komencis travivi ŝtorman vivon, kiu riĉigis lin per spertoj kaj plenigis liajn viverojn per ĝuoj kaj malfeliĉoj.

Kiam li estis 17-jara, li enamiĝis al Elena Osorio (Filis), filino de geaktoroj, sed rompinte siajn amrilatojn kun ŝi pro malfideleco de la belulino, li ekverkis durajn satirojn kontraŭ ŝi kaj ŝia familio. Pro tio oni procesis kontraŭ li unue, kaj ekzilis de la kortego tuj poste (15-88). Baldaŭ, fuĝinte kun Isabel de Urbina (Belisa), li edziĝis kun ŝi per prokurora dokumento kaj post ne longe aniĝis en la mararmeo. Returne de lia aventuro, la geedzoj instaliĝis en Valencio, kaj du jarojn poste li foriris al Toledo, kie li servis kiel privata sekretario de la markizo de Malpica unue, kaj poste, de la kvina duko de Alba en Alba de Tormes. Tie forpasis lia edzino (1595) kaj, jam indultita, reiris denove al Madrido.

Kelkajn jarojn poste oni denove procesis kontraŭ li pro lia neleĝa kunvivado kun Antonia de Trillo, kaj iom pli poste li enamiĝis plian fojon kaj kunvivadis kun Micaela Luján (Camila Lucinda). El ĉi lasta longa amo naskiĝis du gefiloj, Marcela kaj Lope Félix. Tiu intensa amora intensa vivado tute ne malhelpis reedziĝon de Lope kun Juana de Guardo (1598). En 1612 forpasis lia filo Félix kaj en 1613 lia edzino Juana de Guardo.

Post tiuj forpasoj li vivis krizajn horojn, kiuj puŝis lin fariĝi pastro, sed en 1616 li denove enamiĝis al Marta de Nevares, (Marcia Leonarda), apenaŭ 26-jara, kiu plenigis la lastajn jarojn de lia sentimentala vivo.

Oni ne povas disigi la vivon de la homo disde tiu de la artisto: unu neeviteble influas la alian, per mizeroj, gloroj, suferoj kaj pasioj. Pri ĉiu el tiuj virinoj kaj iliaj dramaj aŭ ĝojaj viveroj, Lope abunde verkis, uzante la pseŭdonimojn, kiujn ni metis parenteze. Dum tiuj jaroj li iĝis nediskutebla majstro de beletro kaj teatroverkado en Hispanio kaj superis, kvante kaj kvalite, la ceterajn tiamajn verkistojn, kvankam en tiu epoko tute ne mankis bonaj aŭtoroj en nia lando. Lia populareco estis tiel granda, ke kiam oni volis laŭdi ion bonan oni kutimis proverbe diri: *ĝi estas de Lope*. Tio pravigas la aserton de Cervantes, kiu nomis lin "monstro de la naturo", ne nur pro la mirinda abundo de lia verkokreado -vere nenormala-, sed ankaŭ pro liaj genie altkvalitaj verkoj.

Lope de Vega okupiĝis pri ĉiaj ĝenroj literaturaj, de la pripaŝtistaj romanoj kiel "La Arkadio" ĝis la epikaj poemoj kiel "Jerusalemo konkerita"; de la prireligiaj teatraĵoj kiel "La falĉado" ĝis la komedioj historiaj kaj pri hispanaj legendoj kiel "La kavaliro de Olmedo", "La plej bona urbestro, la reĝo", k.a.; ankaŭ primoraj dramoj aŭ pri honoro kaj glavo kiel "La komandoro de Ocaña", "Fuenteovejuna", "Puno sen venĝo", k. a., kaj kun la romanoj, dramoj, komedioj, religiaj teatroverkoj, samtempe ankaŭ multnombraj belaj sonetoj, paŝtistaj kaj primaŭraj romancoj, kanzonoj, mallongaj popolaj poemetoj plenaj de muziko kaj kadenco popularaj... tiom da, ke lia amiko Pérez Montalbán kalkulas ne malpli ol 1.800 komediojn, 400 prireligiajn teatraĵojn kaj multnombrajn ĉiaspecajn poemojn. La aŭtoro mem deklaras 1.500 komediojn verkitajn. Nun oni konservas 468 komediojn kaj 42 prireligiajn teatraĵojn krom multaj poemoj. Ne unu solan fojon Lope verkis kompletan komedion en unu sola tago. Li mem diris:

Vere, nur dum horoj dudek-kvaraj
pasis muzoj al scenej' teatra...

Lope estis, antaŭ ĉio, lirika poeto kaj lia poezio aperas, precipe en jenaj verkoj: "Rimoj" (1602);"Sanktaj rimoj" (1614);"Spirita Romancaro" (1619);"Homaj kaj diaj rimoj de la licenciulo Tomé de Burguillos" (1634) kaj "La Parnaso-bedaro" (1637), sed ni diru tuj, ke en ĉiu verko de Lope oftas lirikaj fragmentoj. Ĉiujn metrojn li uzis kun simila lerteco: romanco, soneto, terceto, kanzono, kristnaskaj kantetoj, gloso, epistolo, eklogo, elegio, epigramo. Logis lin, speciale, la popola liriko kaj la kultismo de Gongoro, kvankam li ĉiam defendis la "klaran verson". Pri temoj, li neniam serĉis alies fontojn, ĉar lia propra vivo estis sufiĉe riĉa por tiu celo, en kelkaj kazoj eĉ sen difinita temo li sciis verki majstran poemon kaj tiel belan kiel tiu ĉi mondkonata:

**SUBITSONETO**
(El la verko *L' argentinfanino*)

Soneton de mi Violanta petis,
Neniam tiel premis min dilemo!
Laŭ dir' ĝi estas dekkvar-versa skemo...
Jen ŝerce-ŝerce mi tri versojn metis! ktp.

La traduko estas de Kalocsay ("Lingvo, stilo, formo"), pĝ. 111), sed sama poemo ankaŭ havas aliajn versiojn de hispanaj esperantistoj tiel brilaj kiel ĉi tiu. Belajn sonetojn de Lope abundas, jen du el ili:

**VARIAJ EFIKOJ EL AMO**

Kuraĝi, sveni, senti sin kolera,
acida, tolerema, milda, ĝena,
kontenta, morta, viva kaj ĉagrena,
fidela, fia, tima aŭ tenera.

Supozi nur en bon' l' ekziston vera,
aperi gaja, trista, fidoplena,
aŭdaca, ofendita, forta, svena,
ĵaluza, digna, simpla aŭ fiera...

Postulas ankaŭ tiu amosento:
venenon trinki kvazaŭ dolĉan vinon,
ĉielon ĝui en inferturmento,

por elreviĝo doni mem l' animon,
la vivon sen perfort' kaj violento..
jen am': laŭ homo spertis l' amfascinon.

**SUR BLANKA MAM'...**

Sur blanka mam' de ĉarma Leonoro
estaĵo eta pikis kaŝe-kreda
sur haŭta makulet' per mord' obseda,
ruben' ĉe perloj kaj akar' ĉe floro.

Ŝi zorge banis pro dezir' el koro
siajn du pintojn el ebur' blanketa
kaj per detru' de l' pul' agrese preta
duoble venĝas ŝia punrigoro.

"Ho, ve! -mortante la pulet' protestis-
"Pro kulp' sengrava jen kruela sorto!"
kaj diris mi: "Feliĉa ja vi estis!,

ne mortu, petu ŝin laŭ mia vorto,
ke mi ŝin piku, kie vi mem restis,
kaj tuj mi ŝanĝos vivon kontraŭ morto".

K. Kalocsay, F. de Diego, J. Grau Casas, V. Inglada, A. Grabowski, A. Núñez Dubús, k.a., plej elstaraj talentaj esperantistoj de nia Movado, estis logitaj de la poezio de Lope kaj tradukis poemojn de nia granda poeto. Pli dramaj versoj ol la antaŭe cititaj, estas jenaj, ankaŭ de Lope, tradukitaj de Grabowski:

**JUDIT**

Pendas de l' lito ĝis planko-nivelo
La sanga dekstra brako de l' tirano,
Kiu Betuljon sieĝis je vano
Kaj al si tiris fulmojn el ĉielo. Ktp.

La poemo kompleta aperis en *Hispana Esperantisto*, n-ro 49, 68 pĝ. 1921.
Sed, por perlabori sian ĉiutagan panon, Lope devis teatroverki, kaj ĝuste sur tiu kampo li montriĝis genia renoviganto. Li elmetis siajn priteatrajn teoriojn en la verko "Nova arto pri verkado de komedioj" (1609). En la 16a jc. kontrastas du malsamaj teatrosistemoj: tiu devenanta el la liturgia teatro de la mezepoko kaj la humanisma laŭ imito de la komedio de Plaŭto kaj Terencio. Ankaŭ en la tuta Eŭropo oni debatis pri ambaŭ teatroformoj. En Hispanio triumfas la unue menciita sistemo, kvankam sufiĉe riĉigita per elementoj de la dua.

Sed ni revenu al la liriko, celo plej grava de tiu ĉi biografieto, por emfazi la absolutan regadon de Lope de ĉiuj versoformoj tiam funkciantaj, ni metas kiel ekzemplon la romancon. En tiu versoformo ekzistas tre bela poemo perfekte tradukita de Fernando de Diego, kies unuaj versoj diras:

Mi al miaj soloj iras,
kaj de l' soloj miaj venas,
ĉar, por mi, kompan' plej bona
nur la propraj pensoj estas. Ktp.

Ankaŭ la sepsilaban versoformon, hodiaŭ tre malofte uzatan en la nuna poetiko, li majstre regis. Jen unu el tiuj poemoj:

# POVRA BARKETO MIA...

Povra barketo mia,
rompita kontraŭ rokoj,
sen mastoj kaj sen veloj,
tutsola inter ondoj.

Kien sencel' vi iras
kaj trovos bonan vojon?
Dezir' ne estas taŭga,
kiam frenezas voloj.
Kiel la grandaj ŝipoj,
forlasas vi marbordon
kaj l' altan maron serĉas
kun plej kuraĝa forto.

Pli bone en bonŝanco,
same en fortuntrovo,
negrave en defendo,
incitas vi la ondojn.

Rimarku, ke al klifoj,
puŝata ja de ŝtormo,
oni vin puŝe portas,
simile la honoron
l' envio alfundigas,
kiam perfidas homo.

Kiam vi trairadis
de marbord' al marbordo,
vi timis ja neniam
ondegojn nek ciklonojn.

Sekura vi navigis,
kun la certeca movo
de tiu, kiu iras
tra propraj ter' kaj domo,
ĉe malprofund' de maro
malŝancas sink' au drono.

Ja dubo ne ekzistas,
ke virt' sen riĉ' kaj mono
ne donas la feliĉon
kaj ankaŭ ne bonsorton,
oni ne taksas perlon
dum restas ĝi en konko.

Vi diras, ke barketoj,
favora vent' ĉe poŭpo,
post malfeliĉa starto
revenis kun riĉtrovo.

Rigardu ne l' aliajn,
ĉar certaj kantogloroj
signifis nur ruinon
de la vojaĝo-provo,
alies sirenkantoj
ne ĉiam donis sorton.

Por maraj entreprenoj
ne portas vi, kun zorgo,
blankajn mensogo-velojn
nek laŭdajn altajn topojn.

Honesta amo mia
devigu vian koron,
ne dignas dio surda
al plendoj de la homo.
Sed... vi ne min aŭskultas,
ho, dura malkonsolo!
ja vivo estas kurta:
ĝi estas tutbezono,
sed kiam oni mortas
malmankas ĉia volo!

Félix Lope de Vega y Carpio forpasis en Madrido en 1635.

*Antonio MARCO BOTELLA*

---

**ATENTU!**
Artikolo pri la 3a Internacia Kultura kaj Turisma E-Semajno Okazinta en Salou, aperos en Boletín n-ro 324.






**Esperanto. Curso del idioma internacional**
Aparte: **Clave de los ejercicios**

Miguel Gutiérrez. 120 pĝ la libro / 32 pĝ la kajero. Ilustrita. Eldonis PAS (Floranes 57-2C; 39010 Santander). Prezo: 1.500 ptoj (libro + kajero).

La konata esperanto-eldonisto Miguel Gutiérrez Adúriz, el Santander, prezentis dum la pasinta HEF-Kongreso en Salou sian ĵus eldonitan lernolibron por hispanlingvanoj *Esperanto. Curso del idioma internacional.* La nova libro (118-paĝa kaj 23 centimetrojn alta) furore sukcesis kaj iĝis la plej vendata dum la kongreso-tagoj.

Kontraste al la bonega verko de Fernando de Diego *Nuevo método de esperanto para clases y autodidactas*, la lernolibro de Gutiérrez Adúriz adresiĝas al veraj komencantoj sen antaŭa scio de nia lingvo, kvazaŭ-ŝtupo kaj komplemento de *Nuevo método.*




La verkon konsistigas dek ok lecionoj, kies skemo jenas: gramatikaj klarigoj kun abundaj ekzemploj, traduk-ekzercoj, legaĵoj kaj konversaciado. Post la lecionaro troviĝas pluraj apendicoj: prefiksoj kaj sufiksoj,
tabelo de korelativaj vortoj, vortaretoj esperanta-hispana kaj hispana-esperanta (kun ĉiuj vortoj aperintaj en la kurso), ĝenerala enhav-tabelo kaj laŭtema indekso.

Ĉu vi foje renkontis amikon, kiu interesiĝas pri esperanto kaj petas lernolibron por mem lerni? Certe jes, kaj vi eble ne sciis kion fari: ja tiel eksmodas niaj kutimaj lerniloj! Se entute ne paroli pri la (mal)kapablo de la verkintoj... Jen do tiu sopirata verko: finfine vera lingvo-kompetentulo konceptis elementan esperanto-lernolibron kun modernaj desegnoj, glacea papero, solida bindo,

agrabla tipografio, kaj tre bela ekstera aspekto -eble pli ol multaj alilingvaj lernolibroj- kaj ĉio kontraŭ malpli ol mil pesetoj!

Se ĉi tio estus reklamo *Esperanto. Curso del idioma internacional*, ni ne hezitus rekomendi ĝin kiel *Krist-naskan donacon* por amikoj, familianoj ktp. kiuj interesiĝas pri memlernado de esperanto. Feliĉe, tio ĉi ne estas reklamo.

La Redakcio

---




**Survoje al Universala Civilizacio**

jen la titolo de kvinĉapitra libro originale verkita en Esperanto de Giordano Moya Escayola, kun belaspekta kovrilo desegnita de Miguel Gutiérrez Adúriz, 205-paĝa, 20 x 13,5 kaj eldonita de Barcelona Esperanto-Centro. Prezo 1.300 pesetojn. La libro enhavas ankaŭ biografieton de la aŭtoro kun konciza komentario pri tiu lia humanisma studaĵo, la kvara de li verkita libroforme.

En tiu sia ĵus publikigita volumo, s-no Giordano Moya objektive revuas kaj analizas la diversajn cirkonstancojn, kiujn la homaro travivis ekde la neolitika epoko ĝis la ĵusa aktualeco. Per flua, facile komprenebla rakontstilo, la aŭtoro defiligas, sub la lenso de lia aŭtoritata rezonado, la plej gravajn eventojn okazintajn en nia terglobo.

En specifa aludo al aktualaj problemoj de socia organizado en la tuta mondo, s-ano Moya kuraĝe proklamas, ke hodiaŭ ne estas dezirinda ŝtata disdivido de la mondo laŭ etnoj. La kreskanta interkomunikado inter la diversaj mondpartoj -li diras- iom post iom kunfandos ĉiujn etnojn. Kontraŭstari tiun antaŭvideblan fakton, tio estas nura revo retroirigi la socion al pasintaj kaj nedezirindaj sociaj kondiĉoj. La plej bona socia organizado -tiel li opinias- povas esti la teritoria federaciismo, kun civitaneco laŭ loĝteritorio, ne laŭ etnoj, kaj kun dua civitaneco tutmonda.

Sekve, s-no Giordano Moya montras sin firma partiano de tutmonda unuiĝo, kiu ne devas signifi la perdon de propraj kolektivaj identecoj tradicie

hereditaj; tamen super tiuj moroj kaj kutimoj devas regi humana penso, komuna al la tuta homaro. Oni devas ĝeneraligi spiritan aŭ kulturan movadon, por disvastigi la konsciiĝon kaj la senton pri unuiĝo de la homaro. Nur sur tiu baza pensmaniero estas eble starigi liberan mondorganizon. Tiu kultura movado ekzistas jam nun. Ĝi aperis antaŭ iom pli ol cent jaroj: ĝi estas la Esperantismo, kun sia supernacia lingvo Esperanto kaj ties ideologio, la Homaranismo, ambaŭ iniciatitaj de D-ro Zamenhof.

Kaj parolante pri Esperanto -li daŭrigas- oni envenas en la lingvoproblemon. Ne estas dubo pri tio, ke la lingvoproblemo estas nun akuta. La majoritataj lingvoj ne estas sufiĉe kapablaj por esti ĉie parolataj kaj sekve komprenataj. La etnaj lingvoj taŭgas nur hejme kaj, kompreneble, ne estas eble lerni ĉiujn lingvojn. Estas necese do, ke super ĉiuj etnaj lingvoj staru sennacia kaj neŭtrala lingvo, komuna al ĉiuj homoj. Tiu lingvo estas Esperanto. Nun certagrade funkcias kiel internacia lingvo la angla, kaj en la deknaŭa jarcento la franca ludis tiun rolon. Eble en malproksima estonteco, la germana povus ludi tiun rolon en Eŭropo, dum la japana aŭ eĉ la ĉina povus havi samcelan rolon en Azio. Tiuj naciaj lingvoj, en sia internacia rolo, povas taŭgi por la scienco, la tekniko, la komerco kaj eĉ la turismo, sed ili ne utilas por la homara interkompreniĝo nur povas estiĝi tutmonda subprema imperio...

Agnoski internaciajn lingvojn, jen de hegeomonia potenco, jen de pluraj grandaj potencoj, ne solvos la problemon pri komunikado, kaj des malpli tiun de la interkompreniĝo. La supernacia lingvo estas do nepre necesa por alporti kaj ĝiatempe firmigi la unuiĝon de la homaro. Ĝi estis kreita de D-ro Zamenhof, kaj nun ĝi estas jam sufiĉe disvastigita kaj disvolviĝinta por ludi sian supernacian rolon. Aldone al la lingvo Esperanto, kiel dirite, D-ro Zamenhof ankaŭ formulis la t.n. Homaranismon, kiel plifortigitan Esperantismon. Laŭ ĝi oni apartenas al la homaro, sed ankaŭ oni devas konscie senti sin membro de la homara familio, kaj konsekvence agi. La Esperantismo liveras la novan senton, kiun proklamas **La Espero**, *survoje al universala civilizacio*.

Per tiu ĉi de ni substrekita frazo, identa al la titolo de lia libro, s-no Giordano Moya Escayola finas sian objektivan revuadon tutmondan. Konklude, same la enhavo de tiu verko, cetere identigita kun la spirito de Esperanto, kiel ĝia lingvaĵo, kiun, escepte de kelkaj preseraroj, ni trovas agrable simplastila kaj klare komprenebla, certe meritos —tion ni esperas kaj deziras— la laŭdon de ĉiuj ĝiaj legantoj, kiuj sendube ne pentos esti akirintaj tiun libron por sia biblioteko.

*Vicente Hernández Llusera*

Al ĉiuj esperantistaj legemuloj ni sciigas pri la apero de jenaj libroj:

**Vivi sur barko,** de Eugène de Zilah, originale esperanta, 235 pĝ. 14,2 x 21,6 cm. Serio Kargo, Eld.: J.Claude Bernard. Ilustraĵoj de Megumie Konamura.

**La floroj de l' krepusko,** de Serĝo Elgo, romano originale verkita en Esperanto, 168 pĝ., 14,2 x 20 cm. Eldonita de LF-Koop, 1995.

**Orbito Nula 1,** Grupo Nifo, unua verko de nova serio de sciencfikcio kaj fantasto, 144 pĝ. 11 x 17 cm; eldonis Miguel Gutiérrez Adúriz. Prezo: 800 ptoj.

**Survoje al universala civilizacio,** de Giordano Moya Escayola, eldonita de Barcelona Esperanto-Centro; 205-paĝa, 20 x 13,5 cm. Eldonis BEC. Prezo: 1.300 ptoj.

**Lirikaj perloj de Al-Andalus,** de Antonio Marco Botella, antologio de poetoj hispanaj-arabaj-hebreaj. 328 pĝ. 14,5 x 21 cm. Eldonis Fundación Esperanto. Prezo: 1.900 ptoj.

**Esperanto, Curso del idioma internacional,** de Miguel Gutiérrez Adúriz, modernaspekta 40-hora lernolibro kun multaj desegnoj. 120 pĝ. 16,5 x 24 cm. Eldonis PAS. Prezo: 995 ptoj.

**Esperanto, clave de los ejercicios,** de Miguel Gutiérrez Adúriz, kajero kun la solvo de ĉiuj ekzercoj proponitaj en la lernolibro de la sama aŭtoro. 32 pĝ. 17 x 24 cm. Eldonis PAS. Prezo: 350 ptoj.



# Nekrologo

Kun bedaŭro ni anoncas al niaj legantoj la forpason de samideano **Francisco Uceda Flores** la 10an de aŭgusto 1995.

Samideano Francisco Uceda, instruisto, klera homo scipovanta plurajn lingvojn kaj grandajn pedagogajn kapablojn, havis nebremseblan inklinon al Esperanto kaj ties idearo, kaj kohere kun ĝi li apartenis al la Hispana Esperanto Federacio (HEF) jam de longe. Li estis direktoro de la lernejo **Angel López Salazar,** de Baeza, kaj dediĉis sian tutan vivon al instruado, tiel intense, ke malfacile oni povas trovi en tiu urbo familion kie ne ekzistas inter siaj membroj lernanto lia. Honesta homo speciale ŝatata de ĉiuj, jen kial, kiam li forpasis, ĝenerala bedaŭrosento afliktis ĉiujn Baezanojn.

Hispana Esperanto-Federacio kondolencas al la familio de nia forpasinta samideano kaj speciale al lia frato Antonio Uceda Flores, ankaŭ membro de HEF.

# HEF—aniĝilo por 1996

(Foto)kopiu kaj poŝtu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

## Personajn datenoj

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Telefono : . . . . . . . . . . . Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## Membro-kategorio

| | | | |
|---|---|---|---|
| ☐ | OM | ordinara membro | 3.300 ESP |
| ☐ | PM | patrona membro | 6.600 ESP |
| ☐ | KM | kolektiva membro | 6.600 ESP |
| ☐ | DM | dumviva membro | 220.000 ESP |
| ☐ | EM | ordinara membro emerita (1) | 2.650 ESP |

(1) nur por kiuj estis emeritaj membroj ĝis 1995

## Abonoj

☐ Boletín: 3.700 ESP aŭ 50 NLG
☐ Eventoj (☐ surface: 5.700 ESP; ☐ aerpoŝte: 6.600 ESP)

## Pagmaniero

☐ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
☐ Elspezo en konton 14.011.966 de Caja Postal (kunsendu spezilon).
☐ Kunsendita ĉeko por "Federación Española de Esperanto".
☐ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Dato : Subskribo:

---

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

Banco o caja: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Dirección: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Código postal y localidad: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

C.C.C.: entidad sucursal D.C. cuenta

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Nombre y firma del titular:

